Jaro 13 Junio 1961 N-ro 3



# LA INTERNACIA FERVOJISTO

ORGANO DE **I. F. E. F.**

LA INTERNACIA FEDERACIO ESPERANTISTA FERVOJISTA

Sekretariejo: Orteliusstraat 108.III Amsterdam, Nederlando

*La reloj ligas la landojn, Esperanto la popolojn*



Stacidomo Romo Termini Italio

# Nia 13-a kongreso en Barcelona

Kvankam la kongreso okazis en Barcelona, ĝi fakte jam komenciĝis en la stacidomo de la landlima urbo Port Bou.

Centoj da esperantistoj venintaj el diversaj landoj eliris la longan trajnon el Parizo. Malrapide ili preterpasis la doganistojn kaj pasportkontrolistojn, kiuj cetere ne estis severaj kontraŭ ni. Daŭris longe antaŭ ol ĉiuj homoj estis pretaj, kaj vole-nevole ni komparis la kontroladon ĉi tie kun tiu en la aliaj eŭropaj landoj, kie ĝi okazas dum la trajnveturado, per kiu sistemo oni gajnas multan tempon. Ne kulpas tamen la koncernaj instancoj, sed la fervoja ŝpuro en Hispanio, kies larĝeco diferencas kun tiu de la aliaj landoj, pro kio trajnŝanĝo estas necesa.

Ĉar estis antaŭvidite ke la vagonaro de la normala horaro ne povus enhavi ĉiujn kongresanojn, atendis nin speciale kongrestrajno, kiu veturis pli ol du horojn poste. La disponigo de tiu trajno kompreneble estis alte taksata de ni ĉiuj, sed ne la muziko, per kiu oni malavare regalis nin. Ĉiuj vojaĝantoj travivis sendorman nokton, do ili preferis silenton, anstataŭ la orelŝiran bruon el la laŭtparoliloj. Ni do ĝojis ke finfine ni alvenis en la kongresurbo. Tie aŭtobusoj atendis por konduki nin al la diversaj tranoktejoj.

En la vespero de la sama tago la proksimume 700 kongresanoj ariĝis en la kongresa salonego por saluti malnovajn konatojn, fari novajn kontaktojn kaj gaje interparoli. Estis tamen bone remarkeble ke la homoj estis lacaj pro la longa veturado. Multaj el ili foriris jam antaŭ noktmeze por kuŝiĝi en la brakoj de Morfeo.

Dimanĉmatene okazis la solena malfermo en Salono de Fomento del Trabajo Nacional. La unua parolinto estis L.K.K.-prezidanto kolego Saladrigas, kiu hispanlingve alparolis la gastojn kaj en esperanto bonvenigis la kongresanojn. Post li parolis sinsekve la reprezentanto de la Ministro pri Trafiko, la reprezentanto de la Ministro pri Informado kaj Turismo, la prezidanto de la sindikato pri Transportoj kaj Komunikadoj, la prez. de la Hispana Esp-Federacio, la reprezentanto de Unesco en Hispanio, la delegitoj de SAT kaj de la Aŭstria Esp-Federacio kaj la delegitoj de la IFEF-sekcioj. La IFEF-prezidanto kol. De Jong kiel lasta bonvenigis la kongresanojn, dankis la eminentajn Honoro-Komitatanojn pro ilia ĉeesto kaj deklaris la kongreson malfermita.

La posta komuna fotografado okazis mirige rapide, kaj kio estas la plej grava, ĝi ankaŭ tre bone sukcesis.

El la diversaj aranĝoj en la sekvantaj tagoj la vizito al Montjuich parko, kie oni en la Hispana Vilaĝo prezentis al ni folkloran feston kaj popoldancojn, estis la plej impona. Agrable estis sidi sur la subciela placo, ĝuante la mildan duantropikan klimaton kaj rigardante la bele vestitajn dancantojn.

La diversaj kunvenoj kaj la laborkunsidoj, kiuj okazis la postajn tagojn, estis kontentige vizitataj; pli bone ol dum la lastaj kongresoj. Ni do ĝoje povas konstati ke ne nur la delegitoj interesiĝas pri la organizaj aferoj.

Kiel kutime ni finis la kongreson per tuttaga ekskurso. Speciala trajno transportis nin al Tarragona, belega banloko je kelkcent-kilometra distanco de Barcelona.

Post vizito al la moderna metiolernejo ni direktis nin al la urbodomo, kie ni estis akceptataj de Lia Emineco Kardinalo Benjamin de Arriba y Castro, Generalo Sabas Navarro, Urbestro Francisco Sugranes, kaj Inspektoro de Nacia Eduko Evelio Calvet Prats.

Tradukis la hispanlingvajn paroladojn L.K.K.-prezidanto Saladrigas. En apudmara restaŭracio ni tagmanĝis, kaj iuj eĉ kaptis la okazon naĝi en la blukoloraj ondoj. Multan tempon ni tamen ne havis, ĉar atendis nia trajno por reveturigi nin al Barcelona, sed kun interrompo en Vilafranca, kie la kongreso oficiale estis fermata.

Kiel mi jam diris en la komenco de ĉi tiu raporto, ni jam en la unua kongrestago malfruis du horojn pro la disponigo de speciala trajno de Port Bou al Barcelona, kaj tiun perditan tempon ni dum la tuta kongreso ne sukcesis tute regajni. Ĉiuj aranĝoj okazis duonan aŭ plenan horon tro malfrue, kaj tiu malfruiĝo estis ankaŭ la kaŭzo ke en Vilafranca ne estis plu tempo por komune manĝi, kaj ankaŭ de la promesita folklora festo ni vidis nenion. La lunĉosakon ni povis ricevi ĉe giĝeto en halo, sed ĉar ĉiuj samtempe eniris tiun mallarĝan trairejon, la homoj premiĝis kiel haringoj en barelo. Ne estas mirige ke kelkloke aŭdiĝis malĝentilaj vortoj. Estas vere bedaŭrinde, ke tiu bela kongreso finiĝis tiom malagrable. La L.K.K. faris ĉion por bone funkciigi la tutan aparaton. Ĝi multege laboris, antaŭ kaj dum la kongreso, pro kio ni tutkore ilin dankas. La tempo ludas en nia vivo tamen gravan rolon, kaj ankaŭ en niaj kongresoj tagnokto havas nur dudek kvar horojn. Perdita tempo estas malfacile regajnebla, ankaŭ por la plej bonvola kaj sperta L.K.K. Se ni do volas eviti malagrablaĵojn, ni estonte severe atentu la horloĝon.

## EL LA REDAKTEJO

En la redaktora kunveno mi diris i.a. ke mi skribos al la landaj redaktoroj kia mi bezonas artikolon. Tamen hejmenveninte mi trovis tiun aranĝon ne praktika. Povas ja okazi ke la petito iukaŭze estas malhelpata verki aŭ traduki en tiu tempo iun artikolon, dum aliaj kun jam pretaj manuskriptoj vane atendas alvokon mian.
Pli logike do estas ke vi sendu al mi viajn kontribuaĵojn tuj kiam vi trovis ion konvenan por nia gazeto. (Red.)

## ASOCIO DE SANGODONANTOJ

Franca Fervojista Asocio de Sangodonantoj deziras interrilati kun fervojistoj-sangodonantoj el la eŭropaj landoj. La celo estas:

1) Organizado de la sanga transfuzo

2) Starigo de internacia organizo de fervojistoj-sangodonantoj.
Simpatiantoj bonvolu skribi al: LECLERQ Lucien, Delegito de UEA-SNCF VB (vtz) 18 Rue de Dunkerque, Paris 10, Francio.

## LA LEGANTOJ PAROLAS

Estimata redaktoro, ĉi kune mi sendas al vi tradukon de la rakonto de Alan Jones pri la vivo kaj morto de Casey Jones, la heroo de la usonaj fervojistoj. La rakonto, publikigita en la altnivela ĵurnalo „The Guardian" (Londono), reaperis en libro „The bedside Guardian" (La ĉelita Guardian) entenanta la plej bonajn artikolojn de la jaro. Pensante ke ĝi taŭgas por vi, mi petis tradukpermeson de la redakcio kaj de la aŭtoro, kaj mi ricevis ĝin de ambaŭ. De la redaktoro mi ankaŭ ricevis longan leteron, kies partan tradukon mi aldonas. Ŝajnas al mi ke tiu paragrafo indas publikigon en via Bulteno.
S-ro A. Jones laboras en informa fako de regiona oficejo de la britaj fervojoj kaj estas sufiĉe bone konata aŭtoro. Se en lia libro povus aperi informoj kaj materialoj akiritaj pere de Esperantaj kontaktoj, liveritaj pere de IFEF, estus bona propagando. S-ro A. Jones ne estas esperantisto. Ĉu la perado de tiuj kontaktoj ne revivigus iom la apenaŭ vegetantan Britan sekcion de IFEF? La rakonto de A. Jones pensigis min pri iu ebla iniciato por IFEF. Rakontoj pri fervojista herooj, pri la fervojistoj endanĝerigintaj aŭ oferintaj sian vivon por savo de homa vivo certe estas troveblaj ankaŭ en aliaj landoj. Ĉu IFEF ne povus iniciati kolektadon de tiaj rakontoj tra la tuta mondo? Se troviĝus sufiĉe granda nombro, oni povus fari el ili libron, kiu certe havus ŝancon de publikigo ankaŭ en lingvoj naciaj. Kun samideanaj salutoj.

D-ro M. Waysblum

# Alan Jones

## LA VIRO ĈE LA MANIPULILO

En 1879 la sorĉo de vaporo kaptis 15-jaran telegrafist-lernanton de la fervojlinio Mobile kaj Ohio. Dudek unu jarojn poste li oferis sian vivon, penante evitigi fervojan akcidenton kaj fariĝis legenda heroo. La nomo de la knabo estis John Luther Jones. Same kiel aliaj fervojistoj li loĝis en pensiono de Sam Brady kaj ties familio en Jackson. Demandate de kie li estis veninta, li respondadis: „El Cayce (legu: Kejs), tie, en Kentucky". Pro tio li estis konata kiel Casey Jones (Kejzi Ĝons); tiu ĉercnomo restis kun li dumvive.
Casey laboregis, lernante ĉion pri sia metio. Lia ambicio estis fariĝi lokomotivisto. Kiam li estis 18-jara, li petis pri posteno de hejtisto. Du aŭ tri monatojn poste li faris la ekzamenon kaj komencis hejti lokomotivon. Laborante ĉe la Linio Mobile kaj Ohio, li aŭdis ke hejtistoj estis promociataj lokomotivistoj ĉe la Centra relvojo de Illinois pro grandaj perdoj kaŭzataj de la epidemio de flava febro. Casey profitis la ŝancon kaj la 1-an de marto 1883 li dungiĝis ĉe la Centra Linio de Illinois kiel hejtisto. Li hejtadis lokomotivojn dum du jaroj kaj en februaro 1890, unu monaton antaŭ sia 26-a naskotago, li fariĝis lokomotivisto. Aliaj fervojistoj priskribis lin kiel homon amikeman, bonnaturan, ŝatindan kaj tre efike laborantan. En 1886 li edziĝis je Janie, filino de Sam Brady. Sed en 1896, ĉe la Monda Ekspozicio je memoro de Kolumbo en Jackson Park en Chicago ree ekregis lin amo — tiufoje amo al la plej bela lokomotivo iam vidita de li, la 2-8-0 Konsolida Lokomotivo n-ro 638. Li sukcesis posteniĝi al tiu lokomotivo kaj veturigis ĝin dum sep jaroj.
En tiuj tempoj estis kutimo ĉe lokomotivistoj fantazie ornami siajn lokomotivojn. Ekzemple, ĉasisto metis fronte paron da cervokornoj. Casey Jones adoptis sestonan kantfajfilon kaj ĉiu sur lia linio konis lian signalon.

> La ŝaltilistoj sciis laŭ tiu fajfa ton',
> Ke Casey Jones estis ĉe l' fajfilo hom'.

En 1900 Casey ricevis la superan honorigon akirebla de tiama lokomotivisto: la honoron veturigi la plej rapidan pasaĝeran vagonaron de la Centra Linio de Illinois, la Novorleanon

Specialan Vagonaron n-ro 1 inter Chikago kaj Nova Orleano, populare nomatan la „Kanonkuglo".

Casey akceptis la postenon, kvankam tio necesigis perdi la n-ron 638, kaj translokiĝi al Memphis. Unue oni postenigis lin ĉe vartransporto inter Memphis kaj Canton por ke li ekkonu la trakon.

La persona registro de Casey ne estis senmakula. Li estis naŭfoje disciplinita pro rompo de reguloj. Li ne fieris pri tio, li estis tamen fiera, ke dum dek jaroj kiel lokomotivisto li neniam estis implikita en iun vagonara akcidenton kaŭzintan morton de pasaĝero aŭ de kamarado fervojisto.

Nun Casey veturigis la n-ron 382. Sian faman fajfilon li kunprenis de la n-ro 638, kaj li estis feliĉa. Kun sia hejtisto Sim Webb li regule liveradis la norddirektan Kanonkuglon al Memphis akurate kaj ĝustatempe.

La fatala vespero de la 29-a de aprilo 1900 ne estis ecepta, sed kiam Casey atingis Memphis ĝuste laŭ la hortabelo, atendis lin surprizo. La suddirekta Kanonkuglo estis forlasonta Memphis je la 11.15-a vespere. La regula lokomotivisto malsaniĝis kaj oni petis Casey kaj Sim veturigi la vagonaron. Ili konsentis, kondiĉe ke ili povu uzi sian n-ron 382. Retroiginte la lokomotivon en la stacion, ili eksciis ke la Kanonkuglo malfruis je 95 minutoj. Casey donis la ordonojn. „Ni kompensos 60 minutojn survoje al Grenada" — li diris — „pluajn 15 inter Granada kaj Durant kaj ni atingos Canton ĝustatempe".

> Li grimpis en la budon, ordonon en la man',
> Dirante: Jen vojaĝ' al promesita land'.

Inter Memphis kaj Granada estis 100 mejloj da sufiĉe rekta trako. N-ro 382 vaporis bone. Sim tenis la premon sur ĝusta nivelo kaj Casey Jones ĝuegis la sukceson. Li gajnis la 60 minutojn inter Memphis kaj Granada kiel planite. Lia fama fajfilo atentigis signalistojn kaj kamparanojn. Ili sciis, ke io okazis, ĉar oni ja estis aŭdinta lin nordeniri nur antaŭ kelkaj horoj. Poste ili memoris, ke ili aŭdis la lastan fajfon de Casey.

Durant estis atingita preskaŭ ĝustatempe kaj Casey sciis, ke li povis gajni la lastajn kelkajn minutojn antaŭ ol atingi Canton.

Sude de Durant du vagonaroj iris sur depontrakon por tralasi Casey. Ili estis la pasaĝera vagonaro n-ro 25 kaj la ŝarĝvagonaro n-ro 83. La n-ro 25 iris ĝis fino de la depontrako kaj la ŝarĝvagonaro venis post ĝi. Kune la du vagonaroj estis tro longaj por la depontrako kaj kvar vagonoj restis ekster ĝi, blokante la ĉefan trakon. Estis necese prokrastigi la alvenon de Casey. J. M. Newberry, la konduktoro de la n-ro 83, retrokuris por meti petardon sur la trako por haltigi Casey, kaj farinte tion, li iris pluen laŭ la trako kun sia lanterno.

Casey muĝe rapidegis sur la trako, kun la vaporvalvo plene malfermita, firme celante gajni tiujn lastajn kelkajn minutojn.

Rapidante 70 mejlojn hore, li preterpasis Newberry, kiu freneze svingadis sian lanternon. La petardo eksplodis kaj Casey aplikis bremsojn. Sim Webb staris malantaŭ li, rigardante super lia ŝultro en la nigra nokton. Kiam la lokomotivo ĉirkaŭiris la kurvon, Sim ekvidis la lumojn de la suddirekta ŝarĝvagonaro kelkcent jardojn antaŭe.

„Sinjoro Casey!" kriegis Sim, „ni kolizios! Saltu! Savu vin!"

Casey malakcelis la vagonaron ĝis 50 mejloj hore. Tra la klakado kaj siblo de vaporo li kriis al Sim: „Vi saltu! Savu vin mem!"

> Hejtisto saltis, sed Casey restis ĝis la fin':
> Li estis bona relisto, sed mort' forprenis lin.

Sim saltis dum Casey iris pluen, kun mano sur la bremsilo. Li plue malakcelis la vagonaron, sed ne sufiĉe por eviti la kolizion. N-ro 382 ŝtormis en la kvar postrestantajn vagonojn kaj renversiĝis.

Casey persistis sur sia posteno: oni trovis lian korpon en la ruino kun unu mano sur la valvmanipulilo kaj la alia sur la bremsilo. Lia rekordo, ke li neniam estis implikita en iun akcidenton, en kiu mortis pasaĝeroj aŭ kamaradoj fervojistoj, estis savita, ĉar sole li ja mortis. Parto de la relvojo mortis kune kun Casey, sed li mem vivis en la memoro de miloj da homoj. Negro Wallace Saunders, lokomotiva purigisto, preskaŭ adoris Casey, kaj sian ĉagrenon li enkarnigis en kanton. Lia kanto plaĉis kaj populariĝis; en la jaro 1902 la melodio kaj teksto: „Casey Jones, la brava lokomotivisto" estis publikigita prese, kaj milionoj da usonanoj kantis pri Casey Jones.

En 1950 estis eldonita memoriga poŝtmarko pro la 50-a datreveno de lia morte. Ĝi montras Casey inter sia lokomotivo n-ro 328 kaj moderna dizelo. Lia domo ĉe 211 West Chester Street en Jackson (Tennessee) estas konservata memore al lia nomo.

> La kap' kaj kordoloroj, de ĉia spec' dolor'
> ne fremdas al relvojo, al la relvojlabor'.
> Rakontoj pri la noblo, pri granda nobla far'
> al vivo apartenas de la fervojistar'.

Sim Webb, la hejtisto de Casey, mortis en Memphis 13-7-1957. Janie, la edzino de Casey, mortis en Jackson 11-11-1958. La idoj de Casey Jones plue laboras ĉe la Centra Linio Illinois: lia filo Charles B. Jones estas tubmuntisto en Jackson, kaj Charles B. Jones la juna, nepo de Casey, estas maŝinisto en Fulton (Kentucky).

(Kun speciala permeso de la aŭtoro tradukis el „The Guardian", Londono).

M. Waysblum

## El la letero de la aŭtoro

*Mia rakonto vekis grandan intereson kaj multaj homoj skribis al mi petante pluajn informojn. Mi planas republikigi ĝin en la libro verkata de mi Parolante pri tio: ĉu iu el viaj legantoj povus helpi min?*
*Mi kolektas diversajn materialojn — ĉefe historiajn — pri fervojoj, kaj se iu el viaj legantoj havas iun interesan materialon, mi estus tre kontenta ricevi ĝin. Mi ankaŭ estas fervojisto. Mi laboras en la Regiona Oficejo en York kaj se mi povas helpi pri io, bonvolu skribi al mi.*
*Mi komencis kolekti pluan materialon pri Georgo Mortimer Pullman, la inventinto de la pulman-vagonoj. Oni petis min prelegi pri la „Progreso de Pulmanvagonoj" ĉe la Fervoja Societo por Vojaĝo kaj Korespondo en York je 13-4-61. Ankaŭ pri tiu temo mi volonte ricevus informojn el la tuta mondo. Mi havas diversajn kontaktojn tra la tuta mondo, kaj mi volonte havigos al interesatoj informojn pri fervojaj problemoj.*
*Mi ne scipovas Esperanton, sed mi estas certa, ke la kontaktoj estos interesaj. Fervojistoj tra la tuta mondo faras la saman laboron kaj mi estas certa, ke via Internacia Bulteno helpis progresigi komprenon inter popoloj de multaj landoj. Mia adreso estas:*
*Alan Jones, 23 Burchett Grove, Off Delph Lane, Leeds 6, Anglio.*

---

## NI RICEVIS

**Adresaro** de firmoj kiuj uzas Esperanton en internaciaj rilatoj. La unua eldono aperis pasintjara kiel prova listo, kaj nun oni estas pretigantaj la duan eldonon, kiu krom reklamoj kaj anoncoj, enhavos teknikan terminaron. Niaj legantoj povas grave subteni la organizantojn per sendo de adresoj de tiaj firmoj, pension- kaj hotelestroj ktp al: C.E.K.I.T., Piazza Oberdan 1, Milano, Italio. Je la sama adreso oni povas mendi specialajn glumarkojn je prezo de steloj 2,50 po 50 ekz.

**Privilegia Vojo al Lingvoscio: Esperanto,** de Vilho Setälä. Ilustrito de Asmo Alho kaj Kylli Koski. Eldonis kunlabore Fondumo Esperanto, Helsinki, kaj Universala Esperanto-Asocio, Rotterdam.
Moderna lernolibro por plenkreskuloj kaj infanoj, tute en Esperanto, kun multobligitaj instrukcioj en multaj naciaj lingvoj. Por esperantistoj-instruantoj instrukcioj en Esperanto estas riceveblaj.
Prezo 2,50 gld; 10 steloj. Mendante, oni indiku la lingvon en kiu estas dezirataj la instrukcioj.

**Westerland kaj List (Sylt).** Du bele ilustritaj prospektoj de tiuj famaj ban- kaj kuraclokoj. Informojn petu de la koncernaj Kurverwaltungen, aŭ al la kuracloka administrejo List (Sylt), Germanujo.

**Geonista Bulteno** atentigas pri du kulturaj semajnoj (6—20 aŭg. 1961) en Kastelo „Münchenwiler", Svislando. Detalajn informojn pri loĝado kaj prezoj donos: Svisa Esperanto-Instituto, Breitenstrasse 12, Bern, Svisio.

**Poŝtkartojn kun la portreto de D-ro Zamenhof** eldonas Jugoslavia Fervojisto. Kontraŭ unu respondkupono vi ricevas tri kartojn.
Oni ankaŭ sciigis ke ekde la kvina numero „Jugoslavia Fervojisto" aperos kiel presata revuo, riĉe ilustrita. Jarabono unu dolaro aŭ egalvaloro. La adreso estas: Redakcio de Jugoslavia Fervojisto, Mihanoviceva 12, ZAGREB 1, Jugoslavio.

---

Ne ĉagreniĝu pro malfeliĉo kiu neniam estiĝos. - Eichendorf

Por la disvolviĝo de l' spirita vivo ne sufiĉas unuopaj momentoj dediĉitaj al tielnomataj „superaj pensoj". - Mieczyslaw Jastrum.

Al kiu Dio volas fari veran favoron, tiun li sendas en la vastan mondon.
Eichendorf



## EL GAZETOJ KAJ SENDITAĴOJ

### Vojaĝo ĉiam alportas surprizon

Hans Pillekamp skribas en sia raporto pri la Arhuza SAT-kongreso en „La Libera Esperantisto" de januaro 1961: Vojaĝo ĉiam alportas ĉu agrablan ĉu malagrablan surprizon. Por ni kongresvojaĝintoj la apero de la dana esperantista fervojisto estis neatendita agrabla surprizo. Li estis komisiita de la dana fervojo deĵori en la trajno kiel helpanto al la kongresvojaĝantoj. Ni vere salutis lian aperon, kaj mi estas certa, ke la dana kamarado volonte transprenis ĉi tiun taskon, kiu estis efika varbilo por nia lingvo, ĉar ĉiam ĉirkaŭis nin multaj interesitoj.
Ni danku la danan fervojon, kiu konscia pri sia landojn-kontinentojn-transpontanta rolo uzas i.a. ankaŭ Esperanton por tiu tasko.

### Internacia Geografa Asocio

Oni informis nin ke la 3-a Geografa Semajno okazos ĉe Gelbert Murray Hall, Universitato de Leicester, Anglujo, de p.t.m. sabato la 12-a ĝis a.t.m. sabato la 19-a de aŭgusto 1961.

Organizanto: D-ro Richard H. Osborne, Vic-prezidanto de I.G.A., Docento pri Geografio en la Universitato de Nottingham.
La Semajno okazos sub la gvidado de Lic. Tibor Sekelj, Prezidanto kaj fondinto de I.G.A.

La Asocio kore invitas fakulojn kaj nefakulojn partopreni la Semajnon.
Informojn donas: D-ro R. H. Osborne, Department of Geography, The University, Nottingham, Anglujo.



### NI GRATULAS

La 30-an de aprilo

**Maŭricio Greutert**

ricevis fratineton nomatan

FRANCESKA

Ni tutkore gratulas la feliĉajn gepatrojn pro la plenumiĝo de tiu „riĉula deziro".

La IFEF-estraro

# Esperanto-kalendaro por 1961

**9-7 ĝis 5-8**

Infanrestado por Esperanto-parolantoj okazos en VALLON-PONT-d'ARC, Francujo. Ĉiuj informoj kontraŭ adresita koverto plus internacia respondkupono al: G.E.E., 6 Rue de la Paix, BAUGE (M & L), Francujo.

**23-7 ĝis 29-7**

Internacia Esperantista Renkontiĝo Tutsemajna okaze de la inaŭgurado de la Kampadejo D-ro L. L. Zamenhof en VALLON-PONT-d'ARC, Francujo.

**29-7 ĝis 4-8**

Kongreso de SAT en Gent. Adreso: Albert Bracke, Tulpstr. 52, Gent, Belgio.

**29-7 ĝis 5-8**

14-a KELI-kongreso en Bishop's Stortford.
Adreso: Hockerill Training College, Bishop's Stortford, HERTS, Anglio.

**5-8 ĝis 12-8**

46-a Universala Kongreso de Esperanto en Harrogate.
Adreso: 46-a Universala Kongreso de Esperanto, Harrogate, Anglio.

**14-8 ĝis 28-8**

Internaciaj Ferioj-semajnoj en Thesaloniki.
Adreso: „Vivo kaj Sano", Poŝtkesto 131, Thesaloniki, Greklando.

**2-9 ĝis 9-9**

10-a Internacia Feriosemajno en Zwolle, Nederlando.
Adreso: T. M. Blauw, Begoniastraat 2, Zwolle, Nederlando.

**11-9 ĝis 17-9**

3-a Internacia Feriosemajno sur la Kormonto (Herzberg) apud Aarau.
Adreso: Hans Hunkeler, Esperanto-poŝtfako 417, AARAU, Svislando.

**14 kaj 15-9**

15-a FERN-kongreso (jubilea) en Utrecht, Nederlando.
Adreso de la sekretario: G. G. van Veldhuizen, Cremerstraat 166, Utrecht.

**23 kaj 24-9**

Renkontiĝo en LYON kun ekskurso en BOĴOLEZO (famaj vinberejoj kaj vinkeloj). Aliĝoj kaj informoj al: Fervojista Esp-klubo, 6 Rue Zimmermann, LYON (7e), Francio.

**23-9 ĝis 30-9**

Ban-Feriosemajno de la Svisa Asocio de Esperanto-Fervojistoj en Cervia, Italio, apud la Adriatiko. Esperantistoj kaj germanlingvanoj estas bonvenaj. Informoj: Otto Walder, Waldmannstrasse 10, Romanshorn, Svisio.

**14 kaj 15-10**

Jarkunveno de GEFA en Heidelberg kun alloga programo.
Adreso: GEFA-kongreso, Heidelberg, Hauptbahnhof Stellwerk Hf.

---

Redaktoro H. Hoen, Von Liebigweg 7, Amsterdam-O, Nederlando